# Aŭstraliaj  Esperantistoj



Novaĵa Letero de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 20/12/2011 Deknaŭa Eldono 2011 20/12/2011 SENDITA

Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni.
Se vi trovas bonan informon informu Aŭstraliajn Esperantistojn.

**Ni invitas ĉiujn Esperantistojn kontribui al tiu novaĵa letero.**
Kondiĉoj estas mallonga letero, pri kaj en Esperanto, kun via nomo.
**Via letero ne estos korektita kaj vi respondecas pri ĝia enhavo.**



**Pensu!**
**Kritiku!**
**Laŭdu!**
**Skribu!**
**Progresu!**

Tiu ĉi letero havas "Hyperlinks" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

## Tajpu la esperantajn literojn

**Por vindozaj komputiloj.**
**Ek! - Esperanto** ctrl+click to follow link
Tajpi - Installation ctrl+click to follow link
Apple-Macintosh Bonvolu peti helpon de
Donald Broadribb donbroadribb@mirmekobo.com

## La epoŝta programo "*gmail*"

**de Google** transsendas la esperantajn literojn tute bone (kontraste kun yahoo.com).
Kun Yahoo uzu "plain text" (ne html)
Keyman Desktop Light 7.1, kiu estas aĉetebla perrete. **Uzu Esperantajn literojn**

Traduku angla ĝis Esperanton komputile uzu **http://itranslate4.eu** **(Sed poste korektu ĝin)**

## Rekomendatan Legadon

"*Mirmekobo*," ĉe mirmekobo.com
de Donald Broadribb

"Tamen Plu" de Bob Felby
esperantobob@bigpond.com;
Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj

"Esperanto sub la Suda Kruco" de AEA
www.esperanto.org.au info@esperanto.org.au

La retadreslisto estas uzata por elsendu Esperantajn Gazetojn (post ies peto). Mi ĉiam uzas "Bcc" (Blind carbon copy) lokon por konservu la adresojn sekreta.

"Aŭstraliaj Esperantoj" ne estas ligita al iu ajn periodo. Do la informo povas esti akurata.

Mi enmetu en la novaĵletero sencezurajn opiniojn se vi skribas mallonge kaj Esperante.
Ne gravas ĉu mi ŝatas, konsentas, aŭ ne.
Kaj kun la Esperantaj literoj mi petas.

**Nun mi enmetu interesajn leterojn mi ricevas. Se mi ne havas permeson por enmetu la nomon de la skribanto, mi subskribu XXXon**

La Aŭstraliaj Esperantistoj Novaĵa letero estas elsendata kiam estas sufiĉaj novaĵoj en ĝi.
Nenio novaĵo, Nenio "Aŭstraliaj Esperantistoj"

**La novaĵletero estas sendata al 186 retadresoj.**
**Informu la Australiajn Esperantistojn pri viaj ideoj**

Mi metis senpagan Freeland vortaron en mian komputilon kaj trovas ke ĝi estas tre uzebla.
http://www.freelang.net/dictionary/esperanto.php

se oni prokrastas ĝis perfekto, oni faras nenion, ĉar atendas la morto. Ne Ĉargrenu! sed Parolu!, Skribu!,

Se vi trovas problemojn, informu nin.
Ni, Esperantistoj, sercos solvon.

**La Novaĵletero vivas nur se VI skribas, sendas al ĝi interesajn informojn. Subtenu ĝin. SKRIBU**

Se vi ankoraŭ havas ĉapelajn problemojn, diru al ni kion sistemon vi uzas, kaj ni serĉu solvon

**Skype-anoj, Metu vian adreson ĉi tie.**

Skype name Mary Grace Mills (Orange nsk)



Ivan Heldzingen nun venis el la hospitalo kaj estas hejme kun Heather. Li resaniĝas de biopsio kiu celas malkovri la amplekson de cerba tumoro kaj por desegni la plej efikan trakton Post la biopsio, li havas malgrandan legadan problemon sed nun persistas venki ĝin. Post kelkaj semajnoj li komencos radiadan trakton kontraŭ la tumoro. Ni ĉiuj deziras lin tre bona rezulto por lia estonteco.

Kara Roger,
Sur la 17. Decembra Esperantistoj de sudorienta Kvinslando kolectis ĉe la hejmo de petro & Linda danzer por festi la naskiĝtagon de la kreinto de nia amata universala helplingvo, Esperanto. Amikoj ĝuis la delikatan lunĉon kaj posttagmezanteon provizita de Linda. Inter amuzo kaj rido diskutis ankaŭ  la progreso kaj evoluado de Esperanto en Aŭstralio kaj niaj venontaj agadoj. La varma somera vetero invitis nin ankaŭ por promenado ĉirkaŭ la apuda parko kaj arbejo. Ĉiu havis mirindan tempon.  Amike, Petro ( en verda ĉemizo) Peter Danzer danzer@optusnet.com.au



Esperantistoj de sudorienta Kvinslando




AEA Kongreso ĉe Manly 1968.  Roger estis tie.  Ĉu vi?

Dankon al Noktema pro sendi fotojn de la Brisbana Tago de Zamenhof kaj al Nicole pro la filmo el Sidnejo.
En Toowoomba ni ankaŭ celebris la Tagon de Zamenhof, je la 10a de decembro, per sidi cxirkaux la Paca Arbo cxe la Bahaa Centro.  Fulmotondris kaj pluvegis ekstere sed ni sidis en komforta salono kaj parolis pri la celo de Esperanto, "Paco por la Mondo" kaj kiel ni povus uzi Esperanton por atingi gxin.
Ni konsentis ke ni devos daŭrigi la instruadon de Esperanto al infanoj kaj

instruistoj tra la mondo kaj finfine ili havos ŝancon por sxangxi la sintenon de la homaro cxar ili povos kontakti aliajn rekte kaj parolas kun ili egale. Do, amikeco solvus problemojn.
Ni ne faris fotojn aŭ filmojn sed mi alkroĉas la pacan arbon por ke vi povas vidi gxin kaj ankaŭ pensu pri la temo de "Paco por la Mondo".
Bonvolu aliĝi al ĉi tiu grupo kaj kontribui al la temo aux io alia, kiun vi volas diri.
Alia temo. kiun mi volas sciigi vian opinion estas, kion ni faros estontece por somerkursaroj en Auxstralio. Mi bezonas sciigi se vi volas cxeesti Somerkursaron cxe Internacia Domo, januaro, 2013?
Amikajn bondezirojn,
Diano diannelukes@yahoo.com;



Eunice Graham kunvenis kun la Manlia Grupo sabaton. Venis ses kaj ni celebris la 93an naskiĝtagon de Eunice kio okazis la antaŭan tagon.

## Vortoj de "Lernu"

PERSPEKTIVO
1. Prezento de objektoj laŭ la diverseco de aspektoj, kaŭzita de ilia malproksimeco kaj pozicio:
La mezepokaj pentristoj ne sciis la perspektivon.
La aleo estis desegnita perspektive.
2. Aspekto, kiun prezentas, rilate al la punkto, de kiu oni rigardas, objektoj vidataj en la malproksimo:
De tiu monto oni ĝuas belegan perspektivon.
3. Aspekto, sub kiu oni prezentas al si pli aŭ malpli malproksiman okazon:
Kion vi pensas pri perspektivoj de la Esperanto-movado?
Ŝia laboro estas senperspektiva.
Estis tute senperspektive.

PLANO
1. Desegno, prezentanta konstruon, urbon aŭ regionon kaj montranta la situacion, la proporciojn kaj la rilatojn de la diversaj partoj:
Antaŭ la kongreso ni ricevis gvidlibron kun planoj de la urbo.
Ni jam havas konstruplanon de la nova konstruaĵo.
2. Antaŭe pripensita kaj ordigita aranĝo de efektivigota verko aŭ entrepreno:
Ĉu vi jam havas planon por la somero?
Mi planas vojaĝi al Eŭropo.
Laŭplane devas veni cent homoj.
Senplana aktiveco estas nur vana moviĝemo.
Mi promenis senplane.
3. Rilata malproksimeco, en kiu troviĝas vidaĵoj, aŭ en kiu estas perspektive metataj prezentaĵoj en desegno aŭ pentraĵo:
Sur la antaŭa plano de la desegno staris la bukedo de rozoj.
Ni devas meti niajn personajn dezirojn sur la lastan planon.
4. Ĉiu parto de filmo, kiu estis fotita sen lokŝanĝo de la kamerao, kaj povas daŭri de unu sekundo ĝis pluraj minutoj:
Ili ofte estas montrataj en la unua plano.

BAKI
Fari taŭga por la destinita uzado, malmoligante en forno:
Ŝi bakis tre bongustan picon.
Nek por baki, nek por haki.
Tiu projekto estis rapide bakita kaj rapide ĝi mortos.
La bakado longe daŭros.
Avino alportis diversajn bakaĵojn, kiujn ni ĉiuj kune ĝuis.
Li estas novbakita esperantisto.
Mi devis rebaki la tutan verkon.

INFEKTI
1. Transigi malsaniĝajn mikrobojn (se paroli pri aero, akvo kaj tiel plu aŭ personoj, bestoj kaj tiel plu):
Ne proksimiĝu, mi ne volas infekti vin.
Unu fava ŝafo tutan ŝafaron infektas.
Miaj infanoj estis infektitaj en la lernejo.
Disenterio estas infekta malsano.
Muŝoj kaj ratoj estas ofte kaŭzo de infektado.
La haroj sur la infektaĵo fariĝis blankaj.
Ni desinfektis / malinfektis / seninfektigis la apartamenton per tre bona desinfektaĵo.
2. Komuniki kutimon, bonan aŭ malbonan, senton, pensmanieron:
Li infektis nin ĉiujn per sia entuziasmo.
La bona humoro foje estas infekta.
Ni infektiĝis je rido.